# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO, NOVZELANDO KAJ PETANTOJ**



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Franciska Toubale**

**PLENUMITA 25/10/2018 Tricentnaŭdeksepa eldono (unua eldono 20/09/2011)**

SENDITA AL 325. La informa kaj noma paĝoj reaperos nur kun la dekaj eldonoj



Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;

***Uzindaj ligoj. Klaku ligojn por kapabligi la malfermon*** *openclipart. *

*PMEGramatiko* reta-vortaro *Freelang Vortaro *Plena Ilustrita Vortaro

* Esperanta Retradio * Google Translate * Pasintaj eldonoj * Duolingo * duolingo all courses

Oni povas meti sian nomon, retadreson, urbon kaj landon al la listo de ricevantoj. rspring@tpg.com.au

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

## Entute 745,000 lernantoj nun studas Esperanton per Duolingo



Nun studas 380,000 lernantoj per la angla lingvo. (Ekde Majo 2015)

Nun studas 306,000 lernantoj per la hispana lingvo. (Ekde Oktobro 2016)

Nun studas 59,000 lernantoj per la portugala lingvo. (Ekde Majo 2018)

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

## GRAMATIKA SERIO "ĈU VI SCIIS?" N.ro 7 .



**8e**. Ni ne povas doni la akuzativan "-n" al kelkaj senfinaĵaj adverboj, kiel "el de Januaro nunn) (= *from January onwards*)", do adverbigas la adverbon jene "nunen". **9e**. La Objekto ne ricevas la kutiman akuzativon se ĝia kernvorto estas adverbo: "Ni vidis multe da ĉevaloj". Nek la Adjektoj. **10e**. La nudaj Adverboj (= tiuj ne faritaj el adjektivoj) povas ricevi kategoriajn finaĵojn, kiel la aliaj senfinaĵaj kategorioj: "baldaŭe, ĉiama, neke, nia, kvara", sed ne la Artikolo (la).



Ĉiuj ĉi supraj esceptoj, kaj kelkaj pliaj maloftaj, kaŭzatas de la naturo, kaj ni do devas apliki ilin. Do nia devizo devas esti: "La gramatikaj reguloj de Esperanto ne havas eviteblajn esceptojn". Se vi ne scias la ĉi suprajn esceptojn mi konsilas al vi lerni ilin parkere, ĉar iun tagon vi bezonos citi ilin dum vi defendas Esperanton. Kaj viaj lernantoj meritas viajn ĉirilatajn klarigojn.

(daŭrigota). *Marcel Leereveld.*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★



# La Manlia Esperanto-Klubo







Anoj kunvenas la unuan kaj trian sabatojn je la 10atm. Bavarian Beer Café, Manly Wharf. Unu taso da klubpagota kafo atendos vin.

La 20a de oktobro estis la tria sabato. Venis al bela Manlio, Todd Tilton, Micheal Peters, Eunice Graham, John Casey, kaj Roger Springer. Bona sperto, bona Esperanto, bona loko, bonaj amikoj kaj senpaga kafo. *Roger Springer*





# El Esperanto-domo en Sidnejo



Karaj, Hieraŭ mi renkontis Martina Sachs en la Esperanto-domo de Sidnejo. Mi jam konatiĝis kun ŝiaj gepatroj kaj gefratoj en 1974. Sur la foto estas ankaŭ dekstre Mitchell el Usono. Amike, *Nicole Else*



# El Perto **Pri AE365**



Precipe interesa estas la letero de *François Hounsounou* ; sendube ankaŭ li estas tre interesa kaj inteligenta homo. Mi antaŭĝuas liajn kontribuojn.

Pluvas ĉe ni, kaj vintro revenis; sed dum la lastaj kelkaj tagoj la ĝardenoj kaj abeloj feliĉegis . .Elkorajn bondezirojn *Vera Payne*



# Sendis Adelajda amiko



Ankaŭ mi legis la artikolon de nia ĉina samideano,(AE394) kiu dividas kun ni siajn opiniojn pri Esperanto.

Kun same granda ĝojo mi legis ankaŭ la saĝajn respondojn kaj komentojn de nia bonega amiko, Marcelo. (AE395) Lia komento pri skandinavoj, ke ili ne komprenas la vorton "pano" instigis min skribi la sekvajn, eble ne saĝajn, sed espereble amuzajn komentojn. Ne forgesu, ke ankaŭ danoj estas skandinavoj.



La diversaj skandinavaj lingvoj devenas sendube de la islanda lingvo, kaj ne nur tiuj, sed ankaŭ la germana, nederlanda kaj angla lingvoj devenas de tiu tre belega lingvo. Vi do ne plu bezonas miri pri la vorto "pano", kiu en la skandinavaj kiel ankaŭ en la germana, nederlanda kaj angla lingvoj estas ankoraŭ preskaŭ la sama vorto.

Aliaj skandinavaj vortoj malsimilas al tiuj de aliaj landoj, kaj kelkaj vortoj malsimilas eĉ inter la skandinavaj. Ni vivas ja en stranga mondo, ĉu ne?



Ekz. jen iu dana propozicio estas en Esperanto: "Sur malsana, dana rano estas nur unu mano." Se ĝi havus du manojn, ĝi plej verŝajne ne estus malsana. Se vi provus traduki ĉi tiun eĉ tre belegan propozicion en vian propran lingvon nacian, vi preskaŭ certe ne povus rimigi la vortojn!

"Jen mi sonĝis pri sana, dana rano en la bano." Memoru, ke tio ĉi estas io, kio neniam ajn okazis, mi nur ludas per la Esperantaj vortoj. Sana, dana rano neniam enamiĝis al sana, dana paviano." Kial ne? Pavianoj estas ja amindaj, eble danaj ranoj ne estas, sed certe la pavianoj en la danaj bestĝardenoj ja estas.



Kaj tiel plu, mi antaŭsentas viajn sentojn kaj decidas ĉesigi ĉi tiujn frenezaĵojn dum mi ankoraŭ vivas! *Bob Felby*



# Netigado (ordigado) ante mian ĝardenon kun bela rezulto.



**SPECIFE ESPERANTA VORTKREADO .**

Ĵusan semajnon mi menciis la fenomenon ke en Esperanto, kaj kutime ne en etnaj lingvoj, oni formas novajn verbojn kombinante la verbon "esti" kun ĝia predikativa adjektivo (kelkfoje eĉ substantivo), ekz. el de "Ŝia siteno 'ESTAS STRANGA" al "Ŝia siteno STRANGAS". Tio plej ofte (sed ne ekskluzive) okazas, kiam la Subjekto estas Infinitivo, ekz. "ĈESI LA LABORON nepre NECESAS" (anstataŭ "ESTAS nepre NECESA") aŭ "KE LI ALVENIS TRO MALFRUE tre BEDAŬROTAS" (anstataŭ "ESTAS tre BEDAŬROTA"). Dum la historio de Esperanto tiu procedo daŭris kaj daŭras, kaj do la specialaj kazoj plimultiĝas. Jen kaj jen, komenciĝante per

Zamenhof, iu verkisto aŭ iu verkanto "inventas" tian specifan vortkunmetaĵon, verbiĝon, kaj la Esperantistaro akceptas kaj ekuzas ĝin, diverskvante, ĉar la procedo estas tute normala por Esperanto. Tamen la specifa nova verbo ofte kreatas sentiale, sen la celo krei verbon kun nuanca signifodiferenco.

La du esprimoj, ekzemple "La hejmiro tiukaze estas necesa" kaj "La hejmiro nun forte necesas" ne signifas ekzakte la samon, sed ĉeestas inter ili nuanca signifodiferenco. La pli longa formo estas simpla konstato, kiu ne postulas reagon, kiel en "Kiam ĉeestas arbarfajro estas necesa malokupi la domon", kontraŭe al "Ĉar nun estas arbarfajro, necesas malokupi la domon", en kiu lasta frazo la verbo "necesas" postulas reagon.

Ne ĉiu frazo entenanta "esti" kun predikativa adjektivo ĝis nun kreis alternativan frazon kun nur verbo, ĉar la nuanca signifoŝanĝo ne estas necesa por kompreni la sencon. Do tiu novkreado okazas tre malrapide, sed ĝi okazas, kaj la procedo estas senlima. Tamen estas konsilinda, ke ĝi okazu nur se la verkisto deziras substreki la reagoneceson aŭ la intensecon. Jen kelkaj pliaj ekzemploj jam uzataj: "La fajro furiozas; La arboj tie danĝere altas; Ŝia respondo maldolĉis; Ŝia respondo malvarmis; Ke li retrovenis tre ŝatatis; Lia baldaŭa foriro bedaŭratos; Dio laŭdatu!; La patrino igas la knabeton lavati de sia frato". La avantaĝo de la verbigo en la lastaj kvar ekzemploj estas, ke tie la nuancodiferenco estas pli forta, nome ke en ekz. "La fiŝaĵo estis manĝata" la ago en "manĝata" ne finiĝis, sed interrompatis de alia ago, dum en la formo "La fiŝaĵo manĝatis" la ago manĝi kompletiĝis, kaj do formas la verban pasivan voĉon. *Marcel Leereveld*.

## LA POR NEEŬROPANOJ MALFACILA ESPERANTO.

Al la bonega observo ate de Roger en A.E.396, "Eĉ la fuŝa studo de la angla plifaciligas la estontan studon de Esperanto en ne latin-alfabetaj landoj", mi povas aldoni "(kaj de la franca aŭ la portugala en Afriko)".

En la antaŭaj jarcentoj eŭropaj ŝtatoj ekposedis la plej grandan parton de la mondo. La tutaj Sudameriko kaj Nordameriko apartenis al eŭropaj landoj, kaj do uzas eŭropajn lingvojn. La samo okazis al Oceanio (Aŭstralio k.t.p.) kaj al preskaŭ tuta Afriko. Kvankam en Afriko la homoj ne plu devas koni eŭropan lingvon, tio estas tie necesa por ricevi gravajn postenojn sociajn. En Oceanio la angla aŭ la franca estas deviga, aŭ praktike. Nur en Azio estas landoj kies precipa aŭ grava lingvo ne estas eŭropa, nome Ĉinujo, Japanujo, la Koreoj, , la mezorientaj landoj, Tajlando, kaj Indonezio, kaj kelkaj malgrandaj landoj. Sed la araba lingvo, en Nordafriko kaj la Mezoriento, kaj la malaja lingvo en Indonezio kaj Malajzio havas similajn frazstrukturojn kiel la eŭropaj lingvoj. En Pilipinujo grandaj partoj de la lando plu parolas la hispanan aŭ la anglan. En Siberio kaj en la antaŭaj rusaj kolonioj oni plu parolas la rusan, pli-malpli. En Hindujo la angla plu estas multe uzata, kaj same en aliaj antaŭe britaj kolonioj. Do ne estas miriga, ke nur tre malmultaj homoj en la mondo plendas, ke Esperanto estas eŭropeca lingvo kaj fariĝas pli kaj pli eŭropeca. En tiuj landoj aziaj, en kiuj nur relative tre malmultaj lernas eŭropan lingvon, la eŭropeca malfacileco de Esperanto estas problemo. Sed solvo de tio malfacilas, ĉar naŭdek-naŭ procentoj de la Esperantistoj estas eŭroplingvaj aŭ similaj, kaj tiuj ne emas zorgi pri la neeŭropanoj por lerni Esperanton. Kompreneble kelkaj Esperantistoj zorgas kaj volas fari ion por pliinternaciigi Esperanton, sed havas malmulte da

sukceso pro la apatio aŭ egoismo de la resto. Do se mi petas helpon pri tio, mi faras tion precipe por ke la Esperantistoj sciu kial ĉinoj k.t.p. ne lernas Esperanton, kaj por kuraĝigi la kelkajn kiuj deziras fari ion pozitivan pri la problemo. *Marcel Leereveld.*

**DANKEGON AL PETER WEIDE .**

Dankon pro mencii, ke eĉ en Esperanto la vicordo de la frazpartoj havas la regulon, ke en demandoj la demanda frazparto prefere venas unue: “Kial vi ne venis (aŭ Kial ne venis vi, aŭ Vi ne venis kial?)”, sed ne necese ĉe ĉu-demandoj: “Ĉu ci venis aŭtobuse aŭ vagonare?”. Ĉar mi estas normala (mi esperas), mi forgesis tion, kaj mi timas ke mi eĉ forgesis pli, ĉar mi ankoraŭ ne prenis la tempon por profunde studi ĉi tiun malgrandan problemon. *Marcel*.

**VORTKOMBINADO EN ESPERANTO KAJ ETNAJ LINGVOJ . .**

Oni povas kombini du vortojn por reprezenti unu novan kombinitan signifon:

**1e**. Laŭ la ANALIZA METODO: “La kunveno de naŭ membroj de la klubo”.

**2e**. Laŭ la ADICIA METODO: “Nia sekretario-kasisto”.

**3e**. Laŭ la AGLUTINA VORTKUNMETADO: “Nia grupkunveno”.

(la dua kaj tria metodoj estas laŭ la SINTEZA METODO).

La formaj diferencoj estas:

**1e**. Ĉe la analiza vortkombinado la elementoj ne estas kungluataj kaj la ĉefelemento venas unue.

**2e**. Ambaŭ elementoj estas ĉefelementoj, kaj do egalvaloraj. Ili kunmetatas per streketo.

**3e**. Ambaŭ elementoj kungluatas kaj tiel formas unu vorton. Ne troviĝas io ajn inter la du elementoj

(ne streketo, nek signifa litero, nek ĉeflitero), escepte de eventuala sensignifa litero “o”, kaj la ĉefelemento troviĝas post la flankelemento.

Notu ke ĉe la analiza metodo, uzata i.a. en la franca lingvo, la du elementoj kombiniĝas per unu el la vortkombiniloj “de”, “a’”, aŭ “pour”, kaj ke en la aglutinaj lingvoj (+ Esperanto) necese ĉeestas naturaj esceptoj (multaj nenecesaj en la angla) al la regulo pri la vicordo. KAJ en la analiza KAJ en la sinteza kombinado la rezulto indikas unu nocion, unu signifon, kvazaŭ ĝi estas nedividebla radiko.

Notu ankaŭ, ke Esperanto havas multe pli da specoj de aglutina vortkunmetado ol la etnaj lingvoj.

*Marcel Leereveld*.



# El Melburno





"Pasintan lundon ni bonvenigis du Esperantistojn al nia kunveno. La unua, Edward, estas komencanto kaj lernas pere de Duolingo. La alia, Gary Evans, estas vizitanto el Kanado. Li estis en Melburno pro sia laboro. Li estas unu el la organizantoj de la

Universala Kongreso en Montrealo en 2020. Mi renkontis lin en Lisbono. Li gratulis min pri nia radio-elsendo kiun li regule aŭskultas. *Heather Heldzingen*"





# Kiel Kiom Lasta



Kara Marcel,
mi plene subtenas vian alvokon al tutmondeca uzo de Esperanto.
Mian specialan atenton havas la vortoj "kiel" kaj "kiom".
"Kiel" plej baze priskribas la manieron, en kiu ago okazas, "kiom" parolas pri kvanto.
Bedaŭrinde ofte mi legas "kiel", kie mi preskaŭ certas, ke homoj volas paroli pri kvanto.
Ekzemple: "Tiel pluvis, ke mi devis resti hejme." En kiu maniero pluvis? Ĉu la koncerna persono estus povinta forlasi la domon, se pluvus en alia maniero?
Ĉu ne estas tiel, ke fakte la persono volas esprimi, ke venis tia amaso da akvo, ke estis neeble forlasi la domon? "Tiom pluvis, ke mi devis resti hejme."
Alia vorteto estas "lasta". Ĝi signifas, ke ne venos plia. Do, se io okazis lastan lundon, ne plu venos aliaj lundoj - la tero malaperos. (Mi scias, ke PIV permesas uzi "lasta" en tiu nelogika senco.) "Pasintan lundon" eble uzeblas. Ja ekzistas multegaj pasintaj lundoj, sed pro la singulara formo eble oni povas konkludi, ke temas pri la plej proksima pasinta lundo.




Mi esperas, neniam ricevi la lastan AE. Mi ĉiam ĝojas ricevi la plej novan.
Amike, *Peter Weide*








La matenon de la 6a Oktobro Esperantistoj el Ipswich kaj Brizbano kunvenis ĉe la hejmo de Doug Eising. Ni babilis Esperante dum ĉirkaù 3 horoj.

La uzado de aliaj lingvoj estis malpermesata kaj oni ăudis preskaù neniun vorton ne-esperantan. Ni amike diskutis multe da aferoj kaj mi kredas, ke ĉiuj ĉeestantoj ĝuis la sperton. Se eblas, ni intencas regule fari ion similan. Jen la foto sube *Peter Danzer*






Pasintan sabaton membroj de la BES ĝuis fruktodonan kunvenon kun honorgasto Diano Lukes el Kanbero. Linda kaj Petro Danzer faris prelegon pri la konferenco de la Kvinslandaj "Grupoj de Najbaraj Prizorgantoj".*(Neigbourhood Watch)* en oktobro.

Ankaú ni havis la unuan "Babilado " kunvenon en la hejmo de Doug Eising.

Kunvenis Erhard &Ness, Doug, Petro, Sofia, Johano, Sandra, Paul, Diano, Vere, Caroline, Doug.



**Josef Mugrauer** Ĉu iu scias ion pri Josef Mugrauer? Li estis laboristo-esperantisto en Aŭstrio dum la 1930-aj jaroj kaj migris al Aŭstralio por eviti faŝistan regadon en sia lando? Ĉu li aktivis en Aŭstralio? Demandas *Trevor Steele*





# "Malgrava historieto pri mia vivo" Bob Felby

## Ĉapitro 19 La plej granda miraklo de mia vivo Dua ero



En la mateno mi fartis multe pli bone. Mi diris al Marko Anglo, ke mi iros al la stacidomo por retelefoni al onklino Asta. Tiam estis nur la 2.30-a h. en Danlando. Diris onklino Asta, ke intertempe ŝi ricevis telefonalvokon de la malsanulejo, ke Gerda subite resaniĝis, pleniĝis de energio, kaj ke ŝi nun ĉirkaŭiras sur la planko. Ŝi eĉ ne kuŝas en la lito.

Mi kaj Audrey ĉeestis la Universalan Kongreson de Esperanto en julio 1995 en Tampereo, Suomio, t.e. Finnlando. Unue ni flugis al Melburno. Tie ni devis ŝanĝi kaj flugi al Sidnejo. Tie ni devis eĉ tre rapide ŝanĝi kaj flugi al Bankoko. Tie ni devis sidi enuante kvin horojn. Subite oni anoncis, ke la flugo al Parizo estas preta. Ni miris, ĉar laŭ la horaro devus esti la flugo al Helsinko. Mi iris kaj parolis kun iu flugservistino. Ŝi estas alta blondulino kun bluaj okuloj. Certe ne tipa parizanino. Ŝi diris, ke tiu ĉi flugo ne iros al Parizo, sed al Helsinko. Mi rekuris al Audrey dirante, ke ni devas tuj forflugi al Helsinko. Estis bone, eĉ bonege en la flugmaŝino. Mi sidis kaj legis svedajn tagĵurnalojn, kiam mi ne manĝis.

Subite ni estis en Helsinko. Ne granda urbo, sed tre bela. Ni devis tie atendi ses horojn por flugi al Tampereo, t.e. *Tammersfors,* se vi preferas la svedan. Ni pasigis la tempon rigardante la havenon kaj bazaron helsinkan. Ni havis kelkajn problemojn reirante al la flughaveno, ĉar ni ne povis memori la vojon. Ni provis demandi iujn helsinkanojn, sed preskaŭ vane. Neniu komprenas alian lingvon ol la finnan, kaj kvankam la sveda estas ilia dua lingvo, ili rifuzas paroli ĝin, tio estas, se ili entute povas ! *Daŭrigota* *BobFelby*



# Varma Espero OKTOBRO 2018 (Sube ero el ĉi tiu Ĉina gazeto)

## [Pri Esperanto]



En la erao de tutmondiĝo, ni bezonas precizan lingvon por interŝanĝo de kulturo, scienco, leĝo kaj komerco. Esperanto estas la plej preciza, scienca kaj lerta lingvo en la mondo. Ni pene puŝu Esperanton por ke ĝi servu al interŝanĝo kaj interkompreno de homaro

En Ĉinio multaj homoj iomete lernis la anglan, tio faciligas la lernadon de Esperanto. Eble tio estas la kontribuo de la angla al Esperanto. *Freŝa Maro*



Eĉ la fuŝa studo de la angla plifaciligas la estontan studon de Esperanto en ne latin-alfabetaj landoj. *Roger S.*





## 3ZZZ



En la elsendo de la 22a de oktobro aŭdeblas intervjuo de Saioa Escobar, kiu prezentas la 92an SATkongreson.

Ĝi okazos de la 4a ĝis la 11a de aŭgusto 2019- kaj iom de la nova albumo de Amplifiki " Tute ne Gravas", havebla de Vinilkosmo



La kunvokanto *Franciska Toubale*

